2.ª JARO N.º 27 DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO 1 DECEMBRO 1937

# Popola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## NI KANTU LIBERE!

Fajfoj de alarmo, al la esperantistaro, venas el Nederlando. La estraro de la tiea Federacio de Laboristaj Esperantistoj vokas ĉies atenton pri jena domaĝe spertita afero:

En unu sekcio, dum propaganda kunveno, oni kantis diversajn kantojn inter kiuj ne mankis «La Espero» solena himno de la esperantismo. Post kelkaj tagoj, la klubo ricevis strangan fakturon de la «Oficejo por Aŭtoraj Rajtoj» kun postulo pri pago de 5 guldenoj, laŭ koncerna tarifo. La estraro de la Federacio esploris, enketis k finfine konkludis, ke pro burokrata k negoca interpreto de tia filharmonia afero, almenaŭ en Nederlando, la esperantistoj devas pagi monon por leĝe kanti, pli aŭ malpli agorde, la ŝatatajn strofojn pri veno en la mondon de paca nova sento, per flugiloj el facila vento. La estraro de la Federacio sin turnas, al ĉiuj flankoj de la mondo, petante informojn pri tiu ĉi grava himna problemo.

Tre volonte, ni profitas la okazon por fari paŭzon en nia milita temo, dediĉante momenton al la tikla financa rekantaĵo aldonita suplemente ĉe la romantika teksto, kiun verse poluris D-ro Zamenhof k muzike ornamis F. de Menil, certe neniam povinta imagi, ke faka organizo por defendo de liaj profesiaj rajtoj, estus ĝeno por esprimo de boncelaj deziroj en ĥora akompano.

Se ĉarpentisto rajtas manĝi per sia rabotilo; muzikisto ankaŭ rajtas vivi per sia liro, per sia inspiro aŭ per sia talento sed neniam per sia idealo; tio estus sama ofendo por ĉiu homo jen ĉarpentisto jen muzikisto. Himno estas arta voĉo—poezio kun muziko—de iu idealo, doktrino aŭ fervoro kolektiva, tial nature, ĝi ankaŭ estas kolektiva posedaĵo.

Kiel civitanoj de Hispanio, kie tiom da junuloj—po multaj miloj!—falis k mortis kantante pri amo, libero k paco; ni kuraĝas pro tio doni *revolucian* konsilon al nederlandaj amikoj: kantu senĝene, kantu ĝis raŭkiĝo k tute ne atentu la trivialaĵojn de splenaj burokratoj ofendante, anstataŭ defendante, la rajtojn de nia samideana komponisto!

### TRANĈEA MELODIO



Jen simpla tre ŝatata melodio de la soldatoj batalantaj en la tranĉeoj de la centraj sektoroj

## KIAM ĈESOS LA HISPANA MILITO?

Sen larma vualo, la ĉefministro doktoro Negrin sincere deklaris, antaŭ rondo de ĵurnalistoj en Barcelono, ke la milito estas akra k ĝi estos ankoraŭ longa. Hispanio hardiĝis jam por tia evento. Atingi venkon, graveda je alta idealo, ne estas afero facila. Sed finfine ĝi venos, kiel justa premio, post multenombraj suferoj k amaraj spertoj. Por homoj, daŭre batalantaj kontraŭ la despotismo, plia ŝtupo en la doloro ŝajnas plia ekzerco en la tasko, aŭ nur agrabla ŝanco, kiam la celo estas jam atingebla en la proksima etaĝo.

En Hispanio brulegas problemo. Nepras urĝe atingi unu celon: Venkobati la faŝismon! Certe ni tion atingos. Kiel? Ĉiel! ni, hispanoj, scios plenumi nian historian k avangardan devon, malgraŭ obstinaj baroj, malgraŭ potenco de faŝistoj k eĉ malgraŭ forgeso de demokratoj. Nia epopeo malkovris interesajn facetojn al kontrasto. Estas necesa la ekuzo por pruvi la hardon de la ŝtalo. Estis necesa nia dramo por ekkoni la valoron k la efikon de abundaj supozoj k multaj promesoj.. Ne helpis nek helpas pli tiu, kiu pli emfaze kriadis aŭ bombaste rezonadis, ol tiuj anonimaj herooj, kiuj serene k sen principaj egoismoj faris k faras fontojn el siaj arterioj por fruktigi semojn.

Bedaŭrinde, atentinda parto de la eksterlanda opinio rigardas la konvulsiojn de nia socia akuŝo kun timo aŭ kun disreviĝo: Timo pro «ĥaoso» de revolucio, aŭ disreviĝo pro «manko» de revolucio. Inter tio k alio, abundas ankaŭ revemaj personoj, kiuj pensas pli, pri la ornamo de plafono, en konstruota domo, ol pri rezistokapablo de ĝia fundamento. Tamen, nia angora semado transformiĝos siatempe en fekunda rikolto—jen kia sindono!—por ĉiuj, por ĉiuj! kvankam la freŝa pano de la libereco estos pli ŝate bongusta por tiuj aktivaj fidelaj amikoj, ĉe kiuj neniam velkis la kuraĝo por nia subteno nek la konvinko pri nia venko. Ili solaj estas membroj de la klera amaso, aŭtentika amaso kiu ne fiaskis ĉar tre saĝe k racie ĝi situas tiel malproksime de la grego kiel de la sekto. Ili estas konsciaj ĉiutendencaj amasanoj; ili fidas, pro tio, je la hispana popolo, kiu batalante bravege spertas praktike la taŭgecon—k la maltaŭgecon—de multaj teoriaj armiloj.

La milito estas akra k ĝi estos longa! Jen deklaro eble pli interesa por Eŭropo ol por Hispanio; ankoraŭ ni estas en la detrua sezono. Ni ne kulpas se ankoraŭ ne venas la ripozo, ĉar bleko de kanono ne estas agrabla akompano por la dormo de najbaro. Ankoraŭ estas fortaj multaj dornoj en la vojo sur kiu trude ni staras pretaj forpeli la trudantojn.

Ĝis tiam, nia devo estas batali akre k longe se necese. Kvankam ni sopiras pri kareso de la paco k pri cikatriĝo de la vundoj, neniel k neniam la fiero por la kielo cedos lokon al la avido por la kiamo. La fino bezonas havi la aŭreolon de absoluta popola sukceso. Ni ne imagas pri alimaniera eningigo de la glavoj, laŭ arkaika metaforo. Ni ne pensas pri sentimentalaj regaloj al la sento—ŝajne humana—mallongigi la materian daŭron de la milito, ĉar ni scias, ke iu tro facila solvo ne estus fino, sed nur provizora halto reflamigonte la lukton post ia mensoga paŭzo, kun domaĝa perdo, sen profito, de miloj k miloj da vivoj k ankaŭ kun risko fatala por novaj masakroj.

Frua fino, jen nia deziro; trafa fino, jen nia postulo el kio ni cedas eĉ ne unu gramon! La popolo ne brulis militon kiam ĝi, en plena ordo, proklamis la Respublikon. La popolo ne naskis militon kiam ĝi, en normala rajto, voĉdonis balote por la Popolfronto. La popolo ne provokis militon kiam ĝi, en sankta kuraĝo, respondis subite perfidan atakon k, per pugnoj k dentoj, renversis la monstran ribelon de militistaj kastoj, sur duono de la lando.

Nia konflikto, civila milito unue k skandala invado poste, estas terura plago, kiun ni devas likvidi, per detruo de ĝiaj aŭtoroj, por eviti al alies ŝultroj la pezon de simila ŝarĝo. La milito estos akra k longa, laŭ deklaro de la ĉefministro. Nu, bone, estu tiel se, sub tia kondiĉo, restas sekura la esenco ke la triumfo estos triumfo por ĉiuj branĉoj modestaj de la hispana popolo.

## LA RESTORACIA INDUSTRIO EN BARCELONO

Ĉar ni kredas ĝin interesa al multaj legantoj, ni kopias intervjuon de ĵurnalisto al k-do Direktoro de la Restoracia Industrio (A. I. G.) en Barcelono, ĉefurbo de Katalunio.

Jen kion li diris: «La A. I. G. funkcias sub la normoj starigitaj de la kataluna Registaro; unue estis kolektivigitaj 114 entreprenoj de tiu industrio k poste oni dekretis la grupigon de tiuj kolektivigoj en unu solan entreprenon. Tiu grupo estas gvidata de Direktoro, du Subdirektoroj, Konsilanto, Delegito de kataluna registaro, Konstanta Komitato k la Konsilantaro de Entrepreno.

Krom la 114 restoracioj, la Grupo havas kvin grandajn magazenojn; du por nutrajoj, du specialaj k alia malvarmiga. Tiuj magazenoj estas konstruitaj post la kolektivigado. Ankaŭ ni havas fabrikon de kolbasoj, alian de glaciaĵoj k alian por konservi vegetaĵojn; ni komencis en ili interesajn eksperimentojn por nia industrio. Ankaŭ ni havas specialajn fakojn por ĉarpenti, pentri, kudri k. t. p.

Nia laboristaro konsistas el tri mil viroj k mil virinoj. Ĉiutage pliiĝas la laboro, ĉar la popolaj restoracioj intensigas nian industrion. De antaŭ dek kvin tagoj, funkcias Popola Restoracio nutranta pli ol ses mil homojn ĉiutage. Meze, la A. I. G. konsumas normale ĉiutage 250 kilogramojn da kafo, kio supozas 21.000 tasojn. Ĉiutage ni vendas pli ol 7.500 litrojn da bonkvalita biero.

La financa situacio de nia Asocio estas bona, spite la gravajn elspezojn de ni faritaj por la rekonstruado de la hoteloj, kiuj restis difektitaj dum la unuaj tagoj de la ribelo, k la konstantajn plibonigojn, kiujn ni faras.

Rilate al financa situacio ni estis devigataj solvi malfacilajn cirkonstancojn en multaj entreprenoj. La restoraciaj laboristoj ĉiajn malfacilaĵojn venkis k eĉ atingis krei rezervon de pli ol du milionoj da pesetoj en bankoj, k varoj, kiuj ankaŭ valoras pliajn du milionojn.

La laboristoj de A. I. G. enspezas la tutan salajron okaze de malsano aŭ akcidento, k 50 % okaze de maljuneco. La Asocio konsistas el laboristoj apartenantaj al du Sindikatoj U.G.T. k C.N.T. en fortaj k frataj rilatoj.»

**NE FORGESU!** Via regula subteno estas nepra kondiĉo por normala duonmonata apero de nia gazeto. Ĝis fino de la jaro, ni atendos raporton de niaj financaj perantoj por fari konkretajn kalkulojn. Ĉu nur unufoje? Ĉu ankoraŭ pli obstine k bele dufoje dum ĉia monato? Vi mem povas diri la respondon! Vi mem devas decidi!

POPOLA FRONTO
MAR, 25, VALENCIA (Hispanio)

## LA NIGRA MENSO

Persekutante senbride ĉian spritmon de liberalismo, la faŝismo dediĉas preferon al la framasonoj. La framasonaro estas, por la frankistoj, iu speco de infera institucio, kiun oni nepre ekstermu ĝis plej lasta k eta ĝermo. Laŭlonge de nia milito, pluraj centoj, se ne miloj, da framasonoj falis jam, traboritaj per la faŝistaj kugloj aŭ pendigitaj sur eŝafodo, kiel en la «feliĉaj» tempoj de la Sankta Inkvizicio. En ĉiu urbo, en ĉiu vilaĝo kie la faŝismo sukcesis regi, senlace ĝi elserĉis la framasonojn k ekzekutis ilin, kvazaŭ ekzemplo por la subjugata loĝantaro. Se iu framasono, timante la sekvojn de sinkaŝo, sin liveris naive al la murdistoj, unue li estis forte monpunata—se li havis posedaĵojn—poste li estis enkarcerigata k fine mortigata.

En tiu ĉi sovaĝa fortranĉo al ĉiu ideo pri homa digno k rajto, al ĉiu liberiga idealo, la faŝista malamo sin direktas speciale al la framasonoj. La faŝistoj mortkomdamnas la framasonojn senindulge, ĉar ili konsideras ties celojn, kiel plej fortajn barojn por sia plano, starigi novan mezepokon.

Inter la martirularo de tiu ĉi milito, kiun al ni trudis la plej kruelaj kastoj de la hispana reakcio, estas enkalkulita granda nombro da framasonoj.

## INFANA INTUICIO

La katolika faŝistaro vere «zorgas» pri la situacio de la infanoj, kiuj el norda zono estis transportitaj al Anglio, k por helpi ilin, speciala oficejo starigita en Bilbao sendis pastron Gabana al Anglio por konvinki la infanojn, ke ili devas reveni.

Tiun taskon li intencis plenumi, laŭ faŝista ŝablona plano, per trompoj k mensogoj. Li diris al infanoj: «Ĉiuj infanoj devas reveni al Bilbao kie oni vivas plaĉe, ili devas reveni al la urbo liberigita de Franko per lia savanta armeo».

La infanoj tion aŭdante, ekploris La pastro paroladis... k aludis al Gernika «detruita de la ruĝuloj». Tuj du knabinoj eksaltis k interrompis lin dirante: —Gernika estas detruita de la faŝista aviadilaro k ni petas al vi ne paroli pri tiu bombardado, kiun ni mem suferis. Ni estas atestantoj k aŭtentikaj viktimoj.

La pastro ankoraŭ aldonis:

—La profanado al preĝejo Begoña...

Denove la infanoj interrompis:

—Tio estas nova kalumnio k historio ĉies konata. Kial vi ne parolas pri la pastroj murditaj de la faŝistoj?

Pastro Gabana koleris k kriis:

—Franko fusilmortigis neniun pastron nek monaĥon!

Tuj la infanoj demandis:

—Kio okazis al pastro Ariztimuño k al abato Lecuona?

—Tiuj estas fusilmortigitaj kiel kanajloj k perfiduloj.

—Nu, bone. Tamen ili estis pastroj kiel vi.

La pastro Gabana foriris, ne sciante kion respondi al la infanoj.

Eĉ la infanoj konas pli bone la aferon ol ĉiuj demokrataj diplomatoj, ĉar ili sentas k pensas nur al faktoj, ne al ĉikanoj k nekonfeseblaj interesoj.

## AVIZO
### AL SOCIALISTAJ ESPERANTISTOJ

Pro farita interkonsento, ekde nun POPOLA FRONTO estas ankaŭ havebla k rekte mendebla ĉe

I. S. E.

Schiedamscheweg 4 d. ROTTERDAM (Nederlando)

**«Ni batalas je propra defendo, ne nur por defendi la vivon de l' popolo sed ankaŭ por protekti ĉiujn altajn valorojn, kiuj konsistigas la superan kondiĉon por vivi. Ni batalas por defendi la liberon de Hispanio, defendante la liberon de ĉiuj hispanoj; eĉ de tiuj hispanoj, kiuj ne ŝatas la liberon.»**

(Saĝaj vortoj el diskurso de la Prezidanto de la Respubliko, Emanuelo Azaña, en la urbodomo de Madrido. la 13. Novembro 1937.

# Obusoj kaj Lernolibroj

## (FRAGMENTO DE LETERO AL SKEPTIKA AMIKO)

Jen interesa kunlaboraĵo de jam konata, al niaj legantoj, esperantista kamarado batalanta longtempe, ĉe sektoro apud Kordobo, en la fronto de Andaluzio.

Ne estu por vi strange, ke ni laboras por forigi, ĝis la fino, analfabetecon ĉe la vicoj de nia Popola Armeo. Ni havas grandan intereson por ke ne estu eĉ unu analfabeto sen kultura kunlaboranto, apud li, preta instrui legi k skribi. Sed ankoraŭ estas io pli, la analfabetoj mem ege avidas lerni!

Ne ĉiam falas obusoj sur la tranĉeoj; kiam la mitraliloj silentas k ĉesas la plumba hajlado; en la manoj de la soldatoj aperas la elementaj libroj por legolerni. Tiam, la oficiroj, kiuj—kiel mi—estis instruistoj antaŭ ol la milito, kun la komisaroj, politikaj delegitoj k ankaŭ serĝentoj posedantaj ioman kulturon, vigle kunlaboras helpante la delegitojn de la *Milico de Kulturo* de la bataliono, en ilia tasko. Tre ofte, eĉ la majoro klarigas aŭ proponas solvon de problemoj al kelkaj soldatoj, kiuj ŝatas la matematikojn. Fervore komencas la soldatoj siajn klopodojn por skribi vortojn, uzante la genuojn kiel skribotablon. Tiuj ĉi lecionoj estas preskaŭ ĉiutagaj, se la Stabo ne ordonas atakon; tiel la kulturo, malrapide sed konstante, kreskas.

Vi skribas al mi, ke vi ne povas kompreni kiel, tiuj, «kiuj havas sian vivon sub konstanta risko», kapablas okupi la cerbon lernante la signifon de A, B, C... Ĉu vere vi ne komprenas tion? Ĉu ŝajnas stranga tiu fakto al vi? Permesu do rememorigi ion al vi: atentu!

Forpasis jam unu jaro de la dato en kiu komencis nova epoko en Hispanio; nova epoko en kiu, ĉiu terlaboristo aŭ ŝtonlaboristo, kun klara intelekto, kuraĝo k milita kapablo, rajtas komandi brigadon aŭ divizion ĉar inteligenta proleto povas, sen ia ekonomia baro, esti regula oficiro en la nova armeo de la Respubliko. Sub tiel novaj kondiĉoj, estas logike, ke la soldatoj emas k deziras studi. Ili sopiras scii pli! Ili konstatas, ke ĉiuj vojoj al superaj postenoj estas nun malfermitaj antaŭ ili. La kulturo estas mirinda ŝlosilo por jama efektiviĝo de multaj revoj. Ĉiuj deziras lerni por studi, k studi por scii pli, k scii pli por eniri en la aviado aŭ en la tanka fako, kio signifas pli da milita valoro k pli da ekonomia rekompenco, krom forta intima plaĉo.

Plie, en la tranĉeo regas enuo kiam oni ne batalas. Tiam ĉiuj, kiuj scias, legas dum la malfeliĉaj analfabetoj envias siajn kamaradojn, kiam ili, kun ĵurnalo en mano aŭ stare antaŭ murgazeto, ridas k meditas. Ĉiutage venas la leterportista kaporalo. Li portas skribaĵojn de la patrino, edzino, fianĉino aŭ aliaj familiaj etuletoj. Tiam la legokapableco fiksiĝas pli funde.

Ĉu vi do komprenis jam la gravan rolon de la *Milico de la Kulturo*. Ĉu vi povas kompreni la alternadon de obusoj kun legolibroj, de pafilo kun krajono? Vere estas ia surprizo, tiu emo al klerigo subite vekiĝinta sub la bruego de obusaj eksplodoj. Tiuj «plenkreskuloj» kiuj ĉeestis vespere al niaj lernejoj, dum proksimaj pasintaj tempoj—pli por viŝi la vilaĝan tedon ol por emo al scio—estis la unuaj improvizitaj k kuraĝaj milicanoj, transformiĝinte poste, laŭ dekretoj de la Registaro, en tre displinataj soldatoj, kiuj, dum paŭzo en la parapeto, streĉe tenante pafilon inter ambaŭ kruroj, kurbigas sian spinon legante lernejajn librojn speciale eldonitajn por la batalantaj analfabetoj.

Salvador DASI

Instruisto kaj leŭtenanto en la fronto apud Kordobo

17 - Novembro - 1937.

# Vivoj paralelaj

Antaŭ la brutaĉa respondo de Japanio al la sugestoj de la Brusela Konferenco, ĉu eblas esperi, ke la demokratioj reagu pli vigle ol antaŭ la cinika konduto de la eŭropaj faŝismoj en la Hispana afero? Eblo ja ekzistas. Sed neniu serioza motivo por esperi.

Laŭ la precedencoj de la hispana kazo, la demokratioj konsideros plue la Orientan konflikton, ne de la justa vidpunkto sed de la vidpunkto de siaj imperialismaj interesoj. Se por savi tiujn, necesas rikani la principojn de justeco; tion faros, sen ajna skrupulo, la demokrataj potencoj.

Tiel do, Ĉinio agos saĝe rigardante en aliajn direktojn ekde nun mem. Se ne, se ĝi naive esperas, ke la demokratioj decidiĝos finfine haltigi la impertinentajn paŝojn de la invadintoj, la disreviĝo povas veni tro malfrue.

Tre probable Ĉinio, kiel Hispanio, same kiel ĉiuj minacataj popoloj, kiujn estonte atakos la rabistoj; tiuj popoloj senescepte forlasataj de la pacemaj nacioj, estos fatale devigataj sin ĵeti en la brakojn de la potenco, kiu estos preta savi la viktimojn de la imperialismaj apetitoj. Tiuj, kiuj volas eviti la konsekvencojn de tiu neevitebla sinteno de la atakitaj landoj, devos fari ion pli ol vane parolaĉi. Povas esti tro malfrue kiam oni *vidos* sian blindecon...

# FLEGMO DE KAVALIRO

## (RESUMA HISTORIETO)



















# Veroj ignorataj

En la jaro 1936. la Hispana Registaro estis agnoskata. eĉ de Germanio k de Italio, kiel legitima Registaro de memstara, sendependa nacio. Neniu diskutis al ĝi la rajton, regi sian landon same kiel iu ajn alia legitima registaro. Ĉu ĝi ekde 1936. atencis aŭ ofendis iel Italion k Germanion? Tute ne. Tio ne malhelpis la faŝistajn registarojn, sendi soldatojn, kanonojn, aeroplanojn k. t. p. kontraŭ nia popolo, detrui centojn da urboj k vilaĝoj; rabi sendefendajn ŝipojn.

Italio k Germanio agnoskis la ribelulojn k neniu protestis. En la t. n. civilizitaj landoj, granda nombro da ĵurnaloj, kiujn legas la kleraj k riĉaj klasoj, instigas siajn registojn imiti tiun decidon. Tamen, en la ribela teritorio estas nenio, kion oni povus nomi registaro (se ne regule almenaŭ publike ŝajnanta io normala) nek estas Konstitucio, nek leĝaj institucioj, nek nacia armeo...

Ĉio limiĝas al anonima komitato el generaloj, kies oficiala sidejo estas Burgos. Kiuj estas ĝiaj membroj? El kie ili ĉerpis sian regpovon? Sur kiu popola volo ili staras? Vanaj demandoj! Jen la solaj juraj bazoj de potenco, kiu pretendas estis agnoskata kiel leĝeca estraro de Hispanio, k kiun agnoskis du aŭtokratioj pro la fakto, ke ĝi okupas duonon de la lando per eksterlandaj trupoj... per la trupoj de la agnoskintoj k marokaj «volontuloj»

BONHUMORA FENESTRO

# ĈEFGENERALO FRANKO PROTESTAS

Mi, generalo Franko, sendito de Dio k savanto de la hispana popolo, akre k indigne protestas kontraŭ la kalumniaj mensogoj de la fiaj ruĝaj banditoj. Unue, mi ne estas ribelanto. Mi nur estas pia patrioto, kiu volas regali la karan patrolandon per moderna, justa k kristana reĝimo, helpata de la idoj de Mahometo. La ruĝuloj obstine kontraŭstaras miajn homecajn klopodojn. Ili do, estas la ribeluloj, k ne mi. Jen mia programo:

Se mi venkus, mi gvidus en Hispanio la plej larĝan liberon. La industrimastroj havus la senbridan rajton, disponi je la laboristaro laŭplaĉe, kun plena libereco pri salajroj k labortempo. Ja estas la mastroj, kiuj bone konas la bezonojn de la produktado k la postulojn de la merkatoj k de sia privata monujo. La laboristoj siavice rajtus obeeme ekzercadi sian metion, senzorge pri la daŭro de la labortago aŭ pri la laborkondiĉoj k aliaj bagateloj. Aliflanke, la dungitoj ne plu estus ekspluatataj aŭ subpremataj de la Sindikatoj k mi rajtigus ilin devige aliĝi mian Naciecan Partion, kiel «volontuloj de la Laborfako».

La nuna enlanda milito jam bone preparas la grundon k plugas ĝin por mia estonta ekonomia sistemo. Plej grava kaŭzo de la mond krizo k de la senlaboreco estas, ke ekzistas tro da produktantoj. La milito parte solvos tiun problemon ĉar ĝi malaperigas la troabundajn homojn. Post mia venko, k kiam mi estos ekzekutinta la judojn, la ateistojn, la framasonojn, la esperantistojn k ĉiujn aliajn ŝtatdanĝerulojn, restos konvena nombro da laboristoj por glate certigi la produktadon, sen timo pri senlaboreco. Tiucele mi ankaŭ zorgos per tre forta armeo. La demokratio estos reprezentata per Parlamento de generaloj, bankieroj, grandbienuloj, monaĥinoj k pastroj, ĝi kunvenos du tagojn jare. Ties membroj estos elektataj rekte de mi mem, por eviti ĝenojn k kapdolorojn al mia amata popolo.

La tero estus dividata inter la aristokratoj, kiuj *tamen* ne havus la rajton kulturi ĝin persone. Tiu honora tasko estus ekskluzive rezervata al la kamparanoj, kiuj estas kompetentuloj. Pri la infanoj mi patrece zorgus, kiel vartistino. Mi ne plu permesus, ke oni senkompate trudu al ili nenecesan instruadon, sub preteksto de klerigo. Ekde ilia sesa jaro mi aligus ilin en Nacia Militista Junulario, kie ili restus ĝis sia soldatiĝo. Mi ne sole estas bona naciisto sed ankaŭ fervora internaciisto. Tial mi ne uzas sole hispanojn en mia armeo, sed ankaŭ maŭrojn, legianojn k diverslandajn «volontulojn». Mi eĉ intencas starigi la «Internacion de la Ordo», al kiu ĉiuj kulturaj potencoj povus aliĝi, kiel ekzemple Italio, Germanio, Portugalio k la nova Hispanio. Tiu nova Internacio celus ŝirmi la socistaton el la atencoj de la sovaĝa bolŝevismo, komuna malamiko de ĉiuj civilizitaj landoj.

Memkompreneble, sub mia estreco, ĉiuj sindikatoj, pseŭdokulturaj k proletaj organizoj estus konsiderataj kiel ŝtatdanĝerigaj, sed mi starigus instituciojn, harmoniigantaj la mastrojn k la laboristojn per interkonsenta agado kolektiva, sur la bazo de absoluta respekto de la laboro al la kapitalo k inverse. Tio signifas, ke la mastroj ne pretendu enmiksiĝi en la laboron k labori mem, k ke la laboristoj ne celu alproprigi al si la kapitalon de la mastroj. Ĉiu ludu sian rolon en la nova socio!

Kiel decas en moderna ordema ŝtato, mi starigus grandajn koncentrejojn por malliberigi la malkontentulojn, la obstinulojn k la diversajn specojn de malamikoj de la nova Patrio, kiujn ne necesas mortigi rapide sed nur iom-post-iome...

La antikvaj kutimoj k moroj de nia granda glora raso estus rehonorigataj Unu el la unuaj estus, ke la mortkomdamnitoj estus vivante bruligataj k la Inkvizicio estus reorganizata. Finfine, por montri, ke mi ankaŭ estas socialistema mi elektus la unuan de Majo, kiel Nacian Festotagon, dum kiu mi speciale incitus, per solenaj diservoj en la preĝejoj, al la senpardona eksterma lukto kontraŭ la barbara Marksismo. Kaj, **supren Hispanio!!**

F. V. DORNO
(BELGIO)

*Originale verkita en Esperanto por POPOLA FRONTO.*

CONSUMATUM EST

# Epilogo de "Barbara Humaneco" (*)

Ŝajne nekredebla, jen la kruda novaĵo: La baskaj infanoj, rifuĝintaj en Anglio, estas resendataj al Bilbao. La unua ekspedo jam okazis! Ĉu necesas komenti tiun fakton? Ni provos aldoni kelkajn vortojn, bremsante nian plumon. Ni volas resti tre objektivaj en la elmontro de niaj sentoj tiurilate.

Oni komunikas el Londono, ke la infanoj «revenas al siaj familioj». Laŭ la koncernaj informoj, tio okazas «laŭ peto de la gepatroj mem». Nur la sentemaj homoj, kiuj kapablas kompreni la tragedion de Nord-Hispanio povas kapti la veran sencon de tiu gepatra voko al la forestantaj idoj. Oni povas imagi la *konvinkajn* procedojn uzatajn de la nunaj regantoj de Baskio por atingi la konsenton de la turmentataj gepatroj... Ĉu ili rifuzus la «inviton», peti la revenon de siaj gefiloj? Tiuokaze, pensu pri la puno, kiu trafus ilin tuj. Cetere, estas facile anstataŭi la subskribon de la sentimaj rifuzintoj per ilia propra nomo k prezenti senmankajn skribpetojn tute falsajn tamen. Kiu kontrolas? Kiu atestas?

Eĉ se la gepatroj avidus revidi k havi kun si la infanojn, ĉu ne estas memkompreneblaĵo, ke ili ja preferus lasi la amatajn filetojn provizore en Anglio, por eviti al ili la danĝeron de terurega milito, kies efikon la infanoj jam spertis k tial ili estis ellandigitaj?

Sed ne. Franko, lakeo de la faŝistaj sangavidaj diktatoroj, liaj mastroj, bezonas politikan efekton. Eble li supozas, ke per tio li sukcesas kredigi al la mondo, ke ĉiuj—gepatroj k gefiloj—vivas kontente sub lia jugo k arde deziras montri al li sian fervoron.

Nenian pli rafinitan teroron povus elpensi cerbo de faŝisto. En la retinoj de la infanaj okuloj, fiksiĝis por ĉiam, antaŭ nelonge, kruelaj scenoj, kiujn ili neniam dumvive forgesos. Nun oni forprenas ilin al la samaj lokoj, kie ankoraŭ ĉio estas ruinoj, kie estis masakrataj tiom da iliaj amiketoj k fratetoj... por ke ili denove vidu teruraĵojn, eble por ke iuj el ili ĉeestu la lastan momenton de sia patro, trapafita de la kugloj de la ekzekutanta pikedo.

La malfeliĉaj etuloj estis evakuitaj *cele al humanigo de la milito.* Tion oni proklamis siatempe. Kio fariĝis do, tiu angla humaneco? En certaj buŝoj, de demokrataj eŭropanoj, paroli pri humaneca kompato estas profani sanktan principon, estas hipokriteco, estas unuvorte *kunkulpeco.* Gratulindaj estas la piaj katolikaj episkopoj anglaj. Ili almenaŭ klare k malkaŝe volis «donaci» la infanojn al Franko. Ili plene sukcesis en sia plano. Konsekvence, ni gratulas ilin senrezerve. Rezervojn ni havas nur por tiuj, kiuj povis eviti tiun nekredeblan monstraĵon k toleris ĝin *tro* neŭtralece...

(*) Vidu POPOLA FRONTO-n (N.° 28).

# EŬROPO SEN PULSO

La problemo de nia milito estas, esence k fakte, la plej grava afero en la nuntago de Eŭropo. En ĉi tiu ĝusta momento, la kontinento trovis pretekston por devojigi la publikan opinion k distri ĝin el disreviĝo, pro kompleta fiasko de ĉiuj klopodoj por aranĝi la konflikton. Tiu preteskto estas la konferenco de Bruselo, kiu celis solvon de la afero en malproksima Oriento kun senefiko paralela al tiu de la proksima Okcidento.

Post la teatra ludo de Ĝenevo, post la interkonsento de Nyon, post la malkvieta grumblo de Parizo; mallonge, post la hispana dramo, kiu restas senŝanĝa, la aŭdaco de la faŝismo ĝuas novan komedion en Bruselo. Feliĉe por ni, la streĉa energio por libero estas morala trezoro, neeĉerpebla ĉe nia popolo. Mankus al ni armiloj, helpo k mono; kiam oni pensus, ke nia fatala sorto estas malvenki, tiam, la lasta hispano oferus al la mondo belan lecionon pri sia digno. Tion oni malfacile povas kompreni en eksterlando. Ŝajne, aliaj landoj estas pli impreseblaj por la arogo de la diktatoroj ol por la profunda leciono de nobla popolo, decidinta ne permesi al perfiduloj k invadintoj vendi k distranĉegi ĝin enmeze de la eŭropa indiferenteco, kiu iel estas helpo al la krimuloj k modernaj barbaroj.



La amasoj—ni kuraĝas fari akran asertonl—tute fiaskas (*). La aŭtokratoj uzas ilin kiel obeemajn ludilojn. La amasoj progresie perdas sian kapablon reagi. Je mallonga distanco de ilia historia juĝo, troviĝas la disfalo de la libero por la amasoj en Germanio, en Aŭstrio, en Italio, k. c. En kontrasto, nur la triumfa revolucia leviĝo de la rusaj amasoj. Tute proksime staras la poemo pri libero de la amasoj hispanaj, poemo de radiantaj strofoj. Tamen, la impona amasego el homoj de la demokratioj, malgraŭ tio ke ili vivas sub liberala regsistemo, ne efikas konkrete pli ol la inertaj amasoj de la diktatorecaj reĝimoj. Dum disvolviĝas la estonto de la civilizo, la amasoj, fremde al la ĉarmoj de homa spirito, toleras, ke la stulteco, la hipokriteco k alies barbareco, kun tiu de iliaj propraj gvidantoj, muldas ilian sorton.

Jes. La amasoj tute fiaskas, vel ĉar se ne sufiĉas la hispana ekzemplo por skurĝi ilian instinkton k puŝi ilin kuraĝe en la glacian zonon de la kancelarioj k de la kompromisoj, ili ja malhavas ĉian agadkapablon, kompromitas sian estonton k meritas ĉion malbonan, kio povas veni al ili. Kia ajn estu la destino de Hispanio, ni povos sendiskute—kun fierol—ŝlosi civilizon aŭ naski novan periodon. Nia ekzemplo estas unika, enmeze de la senmoveco de la amasoj; nia obstino en la lukto estas la sola roko elstaranta sur la moviĝebla sablo de la eŭropa kontinento.

(*) Honoran escepton konsistigas, kompreneble, la elitaj homoj venintaj por batali kun ni, aŭ iel helpi nin. Sed ja ni ne postulas tion—ni volas militon por neniu!—nek tiu ĉi artikolo temas pri tio, sed nur pri sinteno de vastaj amasoj, kiujn ne skuas la okazintajoj mem nek la agitlaboro de klarvidaj fervoruloj.

---

## AŬSTRALIA KUNLABORO

# MENCIO DE SCHILLER PRI VOLONTULOJ

Bona amiko de Hispanio k entuziasma leganto de nia gazeto el Victoria (Aŭstralio) kompilis la belan artikoleton, kiun ni tre plezure aperigas:

Ĉu povus esti trovita, en la tuta klasika literaturo, pli trafa peco por ilustri la nunan teroron, en Germanio k Italio pri la «volontuloj» rilate Hispanion, ol la jena?! Ĉu ekzistas io pli trafa por klarigi la provojn de la Hitlera aŭtoritato por misinterpreti k jeti falsan lumon sur la gloran verkiston k lojalan amikon de la libereco?

Estas nenio, en la verkoj de Schiller, pli kortuŝa ol tiu priskribo pri forveturo de la Hesse-anoj al Ameriko por servi al Georgo la III.ª de Anglio, la Hanovera reĝo, kiu devis tiutempe (1775-83) batali kontraŭ ribelo en sia kolonio. Preskaŭ ĉiuj sanaj junuloj estis devigataj, kiel dresitaj bestoj, iri en la finon de la mondo por defendi fremdajn interesojn: En KABALE UND LIEBE, (Intrigo kaj Amo) akto 2.ª, sceno 2.ª, estas bela dialogo inter ĉambelano k la virino de la duko; ŝi ricevas de li riĉan donacon de juveloj k ekkrias: «kiomege la duko devis pagi por ĉi tiuj juveloj!» La ĉambelano respondas, ke ili kostis al li eĉ ne pfenigon: «Hieraŭ 7.000 germanoj iris al Ameriko; ili pagis por ĉio». La virino demandas: «Ĉu ili estis devigataj?» «Ho, ne! Dio! Tute ne! *Ili ĉiuj estas volontuloj!* Kelkaj trokuraĝuloj impertinente demandis, kion ricevis la princo pro tia ekspedaĵo, sed nia gracia mastro, pune al tio, marŝigis ilin sur la paradplacon kie ilin oni pafmortigis. Mi aŭdis la fusilojn kraki; mi vidis la cerbaĵojn disĵetiĝi sur la pavimon, dum la tuta armeo kriis: «Hurao por Ameriko!» La ĉambelano daŭris paroli pri kelkaj ŝirantaj scenoj: pri freneza patrino kuranta pikmeti sian infanon sur bajoneton; kiel novgeedzojn oni dishakis per sabro; kiel tondrantaj tamburoj dronigis la kriojn de la popolo, por ke *Dio ne aŭdu ĝiajn preĝojn...*

Post tio, la virino naŭze ekdiras: «For la juvelojn! Ili bruligas la flamojn de l' infero eĉ en mia koro!» Sed ŝi esprimas esperon ĉu la ekzilitoj revidos sian patrion. «Dio nur scias pri tio!» respondas la ĉambelano «ĉar en la urba pordego, ili sin turnis k adiaŭis: Dio estu kun vi, infanoj, edzinoj. Vivu nia bona princo! Ĝis la tago de la Fina Juĝado, kiam ni ilin revidos...»

Reginald BANHAM
Victoria (Aŭstralio)

---

**En Francio, spite al amikoj, la malamikoj nun pretendas aktive praviĝi nian alarmon!**

# NIA KONSCIO JAM KOINCIDAS KUN ALIES KONSIDEROJ!

En *Heroldo de Esperanto* (12. Novembro 1937.) ni ĝuas la legadon de bonega artikolo sub tikla titolo «La ruĝa lingvo». Kvankam sen subskribo, tra korektaj frazoj fluas la serioza stilo de la veterana kolego Teo Jung. Lerte, logike k honeste, la objektiva redaktoro forviŝas la absurdajn kalumniojn, kiujn ŝablone *skribaĉas*, en Hitlerio, kontraŭ Esperanto, la germanaj *plumherooj.* Tio jam estas de ni tro sciate k ankaŭ de ni mem tre ofte direte, sed niaj vortoj, bedaŭrinde, ĉiam ŝajnas iomete tendencaj. Tial nun estas por ni agrabla spirita ripozo paroligi aŭtoritatan voĉon en niaj paĝoj, reproduktinte, kun invito al medito por niaj neŭtralaj legantoj, la saĝajn konkludojn el la du lastaj paragrafoj de la menciita artikolo, kies aŭtoro, malgraŭ anonimeco, ne povas kaŝi amarajn spertojn pri la kruelaj demagogoj uzurpantaj la regpotencon en la klera Germanio, kie nia verda movado iam tiel hele briladis...

LA REDAKCIO

«Oni devas konstati, ke tre logikaj la nuntempaj germanaj plumherooj ne estas, kiam ili skribas pri la mondlingva afero. Male, ili montriĝas kelkfoje treege naivaj k arogaj; ĉar kutime ĉiuj ĉi skribistoj, kiuj skribaĉas pri nia afero, ne havas eĉ nebulan imagon pri ĝi. Ni memoras ankoraŭ, kiel antaŭ apenaŭ du jaroj iu ne tute nekonata germana verkisto — laŭ propra konfeso — unufoje ĉe radio aŭskultis Esperanto-lecionon, poste drinkis glaseton da brando (!) k arogis moke kritiki Esperanton publike!!!

Nin, esperantistojn, mirigas nur la fakto, ke ĝuste la regnogermanaj gazetoj, eĉ tiuj, kiuj pli frue apenaŭ publikigis ion pri ni (*Westd. Beobachter* en Köln, ekzemple) prisilentis la 25.an Universalan Kongreson, kiu okazis en la sama urbo, k prisilentis eĉ ke la nacisocialista ĉefurbestro persone salutis la esperantistan Kongreson; nin mirigas ke la germanaj gazetoj nun tiel fervore publikigas artikolojn pri ni k niaj aranĝoj, kvankam en senco malfavora. Ni povas esti tre kontentaj pri tio, ĉar la germana publiko vidas, el tiuj ĉi artikoloj, ke nia afero ankoraŭ vivas, k ni mem povas ĉerpi el tio la konvinkiĝon ke ni estas forto, pri kiu eĉ en Germanujo oni ankoraŭ atentas. Ju pli oni volas sufoki tiun forton, des pli ĝi kreskos k etendiĝos, precipe se oni provas kontraŭbatali ĝin per tiaj malaltaj rimedoj: mensogo, kalumnio, primoko. Super tiaj malaltaĵoj, nia glora ideo sin svingas en la purajn altsferojn, kie ĝi tronos, kiel belega suno, neatingebla por la nigrigantoj.» (El «Heroldo de Esperanto» 12. Novembro 1937.)

# MOZAIKO

● La Ministro pri Financoj k Ekonomio deklaris, antaŭ kelkaj tagoj, ke la enspezoj pri ŝtataj impostoj kreskis lastatempe tre kontentige. Komparo de Septembro k Oktobro kun la samaj du monatoj de pasinta jaro, montras pliigon de sepdek kvin milionoj k duono da pesetoj. La pago kreskas regule en la tuta lojala teritorio k pruvas, ke la ĝenerala financa situacio de la lando senĉese pliboniĝas.

● Grupo da francaj fervojistoj alvenis Hispanion por vidi k koni aspektojn de la partopreno en nia batalo de la fervojistoj, pri ties teknika helpo k pri iliaj institucioj k labororganizoj. Tiuj estimataj amikoj vizitis Valencion k poste ili iris al Madrido, kie ili salutis k kunvivis momentojn kun internaciaj volontuloj k hispanaj batalantoj. Forlasinte nian landon, tiuj kamaradoj kunportis vivan impreson pri la batalo por la Libero k promesis agiti favore al nia popolo.

● Pli ol miliono da dolaroj estis kolektita en Usono de la «Amikoj de la Hispana Demokratio», kiun prezidas episkopo Paddock helpe de kvin organizoj por subteno al lojala Hispanio. La rezultato de tiu monkolekto kontrastas kun tiu ĉe la Amerika Komitato Frankista kiu *sukcesis* atingi 20.000 dolarojn, en la sama tempodaŭro. Jen elokventa statistiko!

● Dum vizito al Madrido, la kataluna Komisaro pri Propagando paroladis pri la tasko farita tiucele. Interalie li diris, ke el fotografaĵoj de infanoj murditaj, li sendis kopiojn al Papo k al Mussolini, kun klariga letero. La Papo respondis en kataluna lingvo, dirante ke la fotografaĵoj forte impresis lin sed ke li notas la mankon de fotografaĵo pri la pastroj murditaj. Kiel respondo estis tuj senditaj al li kelkaj fotografaĵoj de pastroj, kiuj aperis pafante en faŝistaj tranĉeoj al hispana popolo; ili estas provizitaj per pistolo k fusilo. La Papo ne respondis al tiu nova sendaĵo.

● Eble estas oportuna k interesa afero rememorigi kion asertis kelkaj francaj ĵurnaloj, la jaron 1936:

«Generalo Mola diris: Mi asertas, ke ni eniros Madridon post kelkaj tagoj.» *Le Temps*, 20. Oktobro 1936.

«La falo de Madrido estas neevitebla.» *Le Temps*, 22. Oktobro 1936.

«La naciista armeo baldaŭ malfermos la pordojn de Madrido». *Le Temps*, 25. Oktobro 1936.

«Madrido estos kaptita komence de proksima semajno.» *Le Temps*, 31. Oktobro 1936.

«Franko, ĉe la pordoj de Madrido, donacas novan tempon por la kapitulacio.» *L'Echo de Paris*, 7. Novembro 1936.

«Hodiaŭ nokte ni trinkos kafon jam en Madrido.» *Le Temps*, 8 Novembro 1936.

● «La naciistaj trupoj eniris Madridon.» *Le Jour* k *Le Matin*, 8 Novembro 1936.

«La Stabo de Franko diras, ke morgaŭ okazos la efektiva okupado de Madrido.» *Paris-Medi*, 9 Novembro 1936.

«La konkero de la ĉefurbo jam estas nur afero de kelkaj horoj.» *Le Jour*, 11 Novembro 1936.

● La 12. de Novembro en maroka urbo Tetuan kelkaj centoj da maŭroj protestis antaŭ la oficejo de la faŝista Supera Komisaro; ili kunportis plakatojn, kiuj tekstis: «For Franko k liaj agentoj» «Ekde la 18. Julio 1936. iris al Hispanio 150.000 maŭroj. Neniu revenis. Ni devas venĝi ilin». Faŝistoj disigis ilin. La rezulto estis 60 maŭroj k 20 hispanoj mortintaj.

● Jen la signifoplenaj vortoj de la plej deca reprezentanto de la «arja raso, granda k blonda», la malgranda k bruna Goebels: «Kiam ni starigis la devigan militservon, ni alfrontis danĝerojn, ĉar ni devis organizi sekrete la armeon antaŭ ol la mondo troviĝos kontraŭ plenumita fakto; tutsame okazas nun rilate al nia ekstera politiko. Kiam estos la momento malkovri nian ludon, multaj kiuj nun ridetas, vekiĝos kun timo!

Iam ni timis la diplomatajn konferencojn; nun estas alia afero, ni ĉeestas neniun. Ankaŭ ni pagas neniun tributon k neniu kuraĝas nin minaci. Ĉu tio estas tiranio aŭ skandalo? Ne, tio estas ke ni malpermesas la fremdulojn interveni en niajn aferojn!

# LABORISTO EL ITALIO, VOLONTULO EN HISPANIO

—Kial vi ne migras al Abisenio?—admonis severe la avara pruntisto, donante al li, tre malŝate, la petitajn kvindek lirojn—Tiuj ĉi estas jam la lastaj; komprenu tion bone! Mi ne estas riĉa bankiero; estas fuŝa negoco pruntedoni al senlaborulo unu centimon kontraŭ la hazarda garantio de unu liro.

Al Afriko!... Al Afriko!... Foriri malproksimen de ĉio k de ĉiuj! Al Afriko por militi aŭ eble por morti. Sed la morto estas ja preferinde pli. loga ol tiu infera vivo en la malriĉa vilaĝo. Ekde la entombigo de la patro; ekde la fermo de la fabriko, la knabo neniel sukcesis trovi lokon, kie perlabori iun pecon de pano. Al Afriko do, malproksimen... Ankaŭ la frato jam forveturis, antaŭ kelkaj jaroj, al nekonata lando por tenti la ŝancon, kiel li diris.

Tiamaniere, Giovanni, itala fraŭlo, decidis rekrutiĝi, kiel volontulo, por la itala imperia armeo de Abisenio. La ekzameno ne estis longa. Dudekduo da jaroj estas tre bona rekomendo por la soldata metio! Finfine, iun vesperon, ĉe fino de Februaro, li forlasis Italion.

La nokto estis grandioza, saturita de steloj, en la mirinda golfo de Napoli, kie la naturo kantis pri la ĝuo de la vivo. Li ne aspektis malĝoje! La vojaĝo, la nova stato al kies renkonto li ekveturis, la pensoj, ke la patrino, tre maljuna, jam solvis la problemon pri sia ĉiutaga pano, forblovis liajn dolorojn. Li sukcesis atingi pension por la milda patrino, oferante gravan onon de sia salajro; sed li plaĉe spiradis pro tio, ĉar definitive malaperis angora penso, ĉefa penso, en lia mizera vivo. La ŝipo naĝadis silente sur maro du tagojn. Poste, ĝi haltis en haveno de lando plenplena de suno, lando belega kvazaŭ urbo el Italio. Akurate, antaŭ ol la elŝipiĝo de la roto, la komandanta oficiro diris al la soldatoj:

—Ni estas en Kadiz, en Hispanio anstataŭ ol en Abisenio. Dum la traveturo, oni elektis nin por la granda honoro interveni en la hispana milito kontraŭ la ruĝuloj, por la triumfo de l' Faŝismo. Mi estas tute certa, ke vi ĉiuj akceptos plezure tiun gloron. Tamen, ĉia malobeo, eĉ malgrava, estos rigore punata! Memoru, ke vi estas italaj soldatoj; la timo, ribelo k fuĝo ricevos la punon de morto. Vivu Mussolini!

Kvazaŭ grego sekvanta la vojon, signita de paŝtisto, centoj k centoj da junuloj, forlasintaj siajn hejmojn por gajni sian manĝon, troviĝis sur fremda tero, devigataj ataki popolon, kiun ili ne malamis, kiun ili ne konis aŭ kiun ili eble eĉ povus esti amantaj... La sekvo estis rapida, kvazaŭ filmo, Giovanni vidis batalojn k batalojn. Liaj naivaj okuloj rigardis la terurajojn de imponaj vundoj; ili vidis akumuli kadavrojn sur kadavrojn, kiuj putradis sur la sama kampo kie ili falis. Ĉio ŝajnis inkubo; senkonscie li kredis morti ĉiam, kiam obuso eksplodis; sed li ĉiam restadis en sia posteno, pafante senĉese ne sciante kontraŭ kion, per la moderna mitralilo, kiun oni konfidis al li. Li ne zorgis pri la pafcelo; kvankam per konfuza maniero, li komprenis, ke li plenumis abomenajn agojn. Tie la sola k reganta leĝo estis la morto. Oni mortigis por mem ne morti; jen ĉio! Lia vilaĝo, la hejmo, la patrino ne estis io alia ol grizaj rememoroj. Venis kolekto da tagoj en ripozo, kio estis nur aŭguro por gravaj okazintaĵoj. La oficiroj alparolis la trupojn. Ili legis telegramojn: «Estas nepre necese venki tuj spite al ĉio. Proksima batalo estos la plej peza sed la lasta; de la nordo de Gvadalajaro ĝis Madrido, la marŝo estos facila antaŭ fiaskinta malamiko. Urĝas detrui ĝin jam por ĉiam. Kaj la milito tuj estos finita...» Ho, kia vana deziro!

La ofensivo komencis ĉe la tagiĝo. Sen bruo oni antaŭeniris kelkajn kilometrojn. Subite aŭdiĝis akra zumado de aeroplana motoro; poste, alia k aliaj. La ĉielo kovriĝis per nubo el flugiloj... —Surteren!—ordonis la oficiroj, k la batalionoj obeis tre rapide. La soldatoj atendis, kun streĉaj nervoj, la kuglojn de la mitraliloj. Sed, tre surprize, falis pluvado de flugetantaj paperfolietoj. Giovanni prenis unu. Ĝi prezentis alvokon en itala lingvo. Ĝi diris, ke en la alia flanko postenis italaj fratoj, batalantaj vere volonte por la paco k libero; oni petis tial ne pafi plu kontraŭ ili.

Sed en la dua flugado, la oficiroj ordonis pafegi. Kia aŭdaco, tiam regis ĉe la respublikanaj aviadistoj responde al atako! Giovanni neniam vidis tiom da fajro. Neniam li vidis, dum tuta nokto, tiel altajn flamojn sub la ĉielo. Neniam li vidis morti tiom da homoj. Kaj tiam, en mezo de la ĥaoso, okazis stranga fenomeno: Tra la nokto, potenca voĉego, parolante itale, superis la bruegon de la eksplodoj. —Ni ankaŭ estas italoj!—diris la laŭtigilo—Ni ne luktas kontraŭ vi; forĵetu la armilojn; venu al nia tranĉeo; ĉi tie estas via pano, via laboro k via liberecol Ne ofendu popolon, kiu defendas sian propran sendependecon! Giovanni instinkte ekstariĝis forlasinte la mitralilon; li eliris de la truo, kie li ĵus kuŝis, k ekmarŝis antaŭen. Hipnote, kun risko je pafo, rekte li alpaŝis inter mortintoj, inter ruinoj...

Li ne povis halti; estis pli influa la forto de tiu voĉo de la simpla vero. Solena vero, kiun nur nun li plene komprenis. Liaj okuloj kapablis percepti reflektojn tra la densa mallumo. Kaj, finfine, jam inter kamaradaj brakoj, li ŝvenis tre milde pro granda emocio k grandega ĝojo.

**UNUECO! UNUECO KONTRAŬ LA FAŜISMO!**

Jen la malkonfuza celo de

## SUR POSTENO

OFICIALA ORGANO DE INTERNACIO DE PROLETA ESPERANTISTARO (IPE)

Redaktejo - Administrejo:

**14, rue Pelloutier**
**NIMES (Gard) Francio**

## *Al la Hispana Virino*

*Dediĉita al Dolores Ibarruri, «Pasionaria».*

Ne kantis romancojn *hidalgo* (*) al vi
Ne ravis vin kante nobela silvi',
Vi portis mizeron sur via la dors',
Pro la ŝarĝo kripliĝis la tors'.
Ne kuris vi fingre sur fortepian',
Ĉar mankis al vi eĉ malfreŝa grizpan'.
Vi restis eterne sen mono, sen hav'
En la kela loĝej', en la kav'...
Ne portis vi vestojn el luks-magazen',
Nek estis kuŝanta sur silka kusen';
Ja tia kusen' kun la luksa vest'
Estus tuta maldec' por la nest'...
Ne kantis vi ĉarme pri la patroland',
Ĉar ĝin posedadis rabista la band',
Ĉar estis en ĝi nur mizero kaj ĝem':
La kantad' estus nur rekviem'.
Kaj prenis fusilon per kruda vi man',
Por sendi la kuglojn al frunt' de l' tiran'
Al ĉiu rabisto, al ĉiu faŝist',
Kaj kun fera vi marŝis persist'.
Por la liber', por la homdigno
Marŝadis vi kun ruĝinsigno,
Bravbatalante kun la frat',
Hispana laborul-soldat'.
Por la tergrund' al la kampuloj,
Kaj por la pan' al laboruloj,
Por vivo ĝoja al infan'
La glavon levis via man'.
Minaco por la Frank-bandito,
Ne estas vi bezon' de lito,
Kunluktulino de la vir'
Indanta je la mondadmir'!
Batalu brave ĝis la fino;
Amata nia hispanino,
Kun grandestim', kun sentotrem'
Vin flugu mia kor-poem'!

N. S. PARGAĈEVSKIJ
Naĥtaĥe, Sovet-Unio

(*) Hidalgo—Junkro, juna nobelo.

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro . . | 120 | ptoj. |
| Gr. Nova Sento.-Barcelono. | 25 | » |
| E. H.—Pozoblanco. . . . | 25 | » |
| E. F.—Almansa . . . . . | 15 | » |
| K. K.—Casas Ibañez . . . | 20 | » |
| J. M. B.—Callosa de Segura. | 27 | » |
| F. S.—Centra fronto . . . | 10 | » |
| M. D.—Tanger . . . . . | 25 | » |
| A. M. —Callosa de Segura. . | 4 | » |
| F. S.—Urgel . . . . . . | 10 | » |
| A. P.—Albacete . . . . . | 100 | » |
| A. S.—Caspe. . . . . . . | 20 | » |
| N. J.—Orebro. . . . . . | 3 | sv.kr. |
| H. C.—Falkoping. . . . . | 1 | » |
| E. O.—Harnosand . . . . | 10 | » |
| R. L.—Stockholm. . . . . | 2 | » |
| J. T.—Skarblacka . . . . | 3 | » |
| G. N.—Hasleholm . . . . | 3 | » |
| G. R.—Malarhojden. . . . | 7 | » |
| SLEA-kongreso.-Huskvarna | 31'05 | » |
| Lab. Esp. Klubo. —Amotfors | 5 | » |
| Kunv. tramistoj.-Stockholm. | 8 | » |
| LEA.—Gablonz (6.ª donaco) | 60 | ĉ. kr. |
| A. D.—Chust. . . . . . | 20 | f. fr. |
| A. P.—Parnu . . . . . . | 38'46 | » |
| C. P.—Vaulx en Velin. . . | 10 | » |
| J. W.—Morlaix . . . . . | 10 | » |
| J. V.—Praha . . . . . . | 30 | » |
| Gr. Esp. du Travail.—Lille. | 10 | » |
| J. B.—Lille. . . . . . . | 5 | » |
| I. S. E.—Rotterdam. . . . | 41 | » |
| B.—Orleans . . . . . . | 10 | » |
| Gr. Esp. Ouvrier. —Orleans. | 2 | » |
| Lab. Esp. Societo.-Zagreb . | 17'50 | » |
| Esp. Klubo.—Boskovice. . | 15 | » |
| G. K.—Amsterdam. . . . | 0'25 | gd. |
| K-do. G.—Amsterdam. . . | 0'25 | » |
| D. v. M.—Amsterdam. . . | 0'20 | » |
| FLE Sekcio.—Leiden . . . | 0'84 | » |
| H. t. H.—Amsterdam . . . | 0'50 | » |
| FLE Sekcio 5.—Rotterdam. . | 1'50 | » |
| W. H.—Rotterdam . . . . | 0'50 | » |
| D. J.—Rotterdam. . . . . | 0'24 | » |
| B. H. L.—Rotterdam. . . . | 3 | » |
| A. d. K.—Gouda. . . . . | 0'50 | » |

## INFORMEJO

### ONI INFORMAS, KE

K-do Francisko Haiderer, ŝanĝis adreson. La nuna adreso estas S. R. I., 22 E. Albacete, Hispanio. Li bonfartas.

K-do Jozefo Berkopek, 21. Batl. Socorro Rojo, Plaza Altozano 70. A. Albacete, serĉas sian kamaradon Ivo Dobuŝek.

### ONI SCIVOLAS PRI:

K-do Jozefo Spanner, aŭstra batalanto de Internacia Brigado. Urĝas informoj pri lia sorto k adreso.

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

HISPANIO.—K-do Jose M. Bernabeu, Rambla 24, Callosa de Segura (Alicante) dez. kor. kun k-doj de ĉ. l. k interŝanĝi poŝtkartojn, leterojn k il. gazetojn.

ĈEĤOSLOVAKIO.—Karel Dvorak, Ĉaslav 125, Ĉ. S. R., kolektas k interŝ. P. M. k il. poŝtkartojn, kun ĉ. l. Skribu leteron aŭ il. poŝtkart. se eble aerpoŝte. Enmetu kelkajn P. M. uzitajn en letero. Kvanton kontraŭ kvanto. Certe resp.

SOVETIO.—Por perfektiĝi en la hispana lingvo, mi bezonas beliteraturajn hispanlingvajn librojn Ili povas esti malnovaj, uzitaj. Kontraŭ ili mi sendos ĉion deziratan, prefere rusajn librojn, ĵurnalojn, vortarojn, ktp. Eŭgeno Blinov, Novo-Gizeevo (Moskvo), Internationalnij prospekt dom N. 14.

HISPANIO.—Juna kamarado dez. kor. kun ĉiulandaj esperantistoj. Adreso: Antonio Sanchez, Mayor 23, Callosa de Segura (Alicante).

HISPANIO.—K-do Antonio Marco, Lenin 79, Callosa de Segura (Alicante), 17-jara dez. kor. k. ĉ. l. k interŝanĝi poŝtkartojn, leterojn k il. gazetojn.

HISPANIO.—K-do Angel Sadaba, Caspe, Strato Garcia Hernandez, 14, dez. kor. kun proletaj esperantistoj pri revoluciaj temoj, precipe kun francaj k anglaj k-doj.

MAROKO.—K-do M. Dodo, Benoliel 16, Tanger, dez. kor. k. ĉ. l. precipe Ĉinio, preferas kun geskoltoj. Interŝ. P. M., P. K., k propagandaĵojn.

## NENECESA SENKULPIGO

La malabundo de bonkvalita papero estas peza domaĝo por nia gazeto, kiu devige aperas kun tre malbela aspekto kvankam la ĝenerala aranĝo estas farita kun la kutima k akurata zorgo. Ni klopodas k esperas solvi baldaŭ la problemon, sed intertempe, ni petas al niaj karaj legantoj memori ke la milito trudas nun siajn rigorajn postulojn.

## POPOLFRONTA LETERUJO

F. R. B.—Melbourne.—Resume ni respondas vin: Generalo Miaja plue gvidas la Centran Armeon. Li ne estis anstataŭita. Kolonelo Ortega estis k restas sub ties komando en la sama zono. Ne la ŝipo «Libertad» sed «Jaime I» estis treege damaĝita per mistera eksplodo en Cartagena, kredeble okazigita de embuskitaj faŝistoj en nia arier-gardo. Per geografia landkarto aperinta en nia n.º 5 vi komprenos la novan militan situacion. Ni perdis Malagon k la nordajn regionojn, sed sukcesis ekpeli la malamikon en gravaj sektoroj. Krome ni faris bonegajn progresojn k konkerojn en Aragonaj frontoj. Pri la nombro da enloĝantoj vi pensu, ke kiam alproksimiĝas ien ajn la frankistoj, la loĝantaro amase forkuras al nia teritorio. Jen elokventa popola balotado! La faŝistoj ja ne havas problemon pri lokigado k zorgoj al rifuĝintoj. Pri Cabanellas ni ne scias, sed onidiro cirkulas pri lia morto. Almenaŭ la faŝistoj prisilentas lin. Elkoran saluton!

J. N.—Hago.—En la venonta numero ni publikigos vian komunikon, kiun ni iom malpliigos ĉar la teksto estas longeta por nia gazeto. Ni alte taksas viajn klopodojn. Pri akurata ekspedo de la bulteno ni zorgos sed komprenu la barojn. Koregan saluton!

J. R. H.—Goteborg.—Ni provos havigi al vi la deziratan materialon por via celo. Antaŭdankon al vi k al k-do G. pro la anoncita desegno. Ni studas vian sugeston pri nova fako, sed kredeble ne por tuja efektivigo pro ekzistantaj malfacilaĵoj.

J. B. T.—(N. S.) Barcelono.—La monsendon de k-do T. T., kiun ni dankas, ni kvitancos ĝustatempe. La antaŭan (15 ptojn.) ni jam konfirmis en nia numero 25.ª sub literoj J. B. Rilate al via rimarko, komprenu ke ni celas speguli fidele la faktan karakteron de la popola batalo. Alie ni trompus niajn legantojn aŭ misinformus ilin, k ne temas pri artifika propagando sed pri disvastigo de la vero, kiu vole nevole, estas tia.

A. C. S.—Victoria.—Aparte ni per poŝto respondos vian ŝatatan leteron k penos komplezi vin laŭ viaj petoj Intertempe, elkoran dankon al vi k al k-dino V. H. Certe ni skribos ankaŭ al ŝi.

A. Instituto.—Ordĝonikidze.—Entuziasme ni gratulas vin pri via laborplano k kuraĝigas vin al plua studado k lernado por la bono de la tuta homaro. Flaman saluton!

D. J.—Roterdamo.—Via starpunkto jam estas ĝusta k deca laŭ nia penso. Estu certa, ke ni multe ĝojis legante vian trafan leteron k konstatante viajn sentojn pri nia afero.

R. E.—Guadalajara.—Ni dankas vin pro via mondonaco k tre speciale pro via valora servo indikante al ni la adreson de k-do G. H., al kiu ni tuj sendas la koncernan leteron. Ni pli frue enketis sensukcese k konservis ankoraŭ la leteron el Svisio.

K. ĉe C.—Viarmes.—Ni enketas rekte k per la gazeto k ĝojus povi informi vin baldaŭ.

J. S.—Haarlem.—Estu certa, ke ne ekzistas videbla motivo praviganta vian timon. La situacio ne estas sama nun, kiel en la Nordo k la perspektivoj ja estas tute aliaj. Ni per letero respondos la vian, kiel eble plej baldaŭ, k sendos la petitajn adresojn.

Al kelkaj.—Pro elĉerpiĝo, tute mankas al ni la numero 20-21. Kiu amiko estas tiel ĝentila havigi ĝin al nia redakcia kolekto?

## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Ni elektis tiun sistemon ĉar tiel, ĉiu kroma sumeto de tiuj, kiuj povas pagi iomete plie, ebligas la ricevon de agrabla legaĵo al multaj, kiuj pro senlaboreco, aŭ aliaj kaŭzoj, ne povas pagi sian propran kotizon. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

ĜENERALA INTERNACIA ADRESO
nur por mono
GUSTAVE FARENC
55, Rue Brise-Pain
Poŝtĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

NEDERLANDA ADRESO
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-I
poŝtĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

ANGLIO.—K-do O. MELTON.—23 Fowler Str. Nechells, BIRMINGHAM 7

SVEDIO.—ARBETAR ESPERANTISTEN.—Barnhusgatan 8 ö. g. n. b., Poŝtĝiro n.º 53411, STOCKHOLM

BELGIO.—K-do M. DELFORGE.—33, Rue de Heigne, Poŝtĝiro 199106, CHARLEROI

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA
**POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia